

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Año XVIII Nº 240 JULIO-AGOSTO 1980

Prezida tablo dum la vespermanĝo en Círculo Mercantil.

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña-Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# LA GRUPO «FRATECO» OMAĜAS SIAN PREZIDANTON D-ro SANCHO IZQUIERDO

Por festi kaj brile soleni la 90-an naskiĝdatrevenon de nia kara Prezidanto kaj Honora Prezidanto de H.E.F., D-ro Sancho Izquierdo, la Grupo «Frateco» organizis serion da aranĝoj pri kiuj ni klopodos informi ĉi jene tiel bone kiel eble.

**Vendrede la 30-an de Majo**

Okazis la solena fermo de niaj Seminarioj per temo prezentita de S-ro Antonio Marco «Nia Esperanta Movado: Heredo kaj Estonto».

Permesu al mi informi el kio konsistas tiaj seminarioj kiuj komencis la pasintan oktobron, kvankam mi supozas ke ĉiuj grupoj estas informitaj pri tiu tasko de ni entreprenita.

La celo estas, kompreneble, praktiki la lingvon, tio estas, paroligi ĉiujn partoprenantojn, kun la memdecido eviti la oftan malsanon de nia movado, kiu estus reprezentita de tiuj eternaj balbutantoj, kiuj malgraŭ niaj asertoj de facileco, kaj kelkfoje post longdaŭra ĉeesto al niaj kursoj, apenaŭ sukcesas hezite kaj timeme elparoli kelkajn vortojn. Samideanoj: ni devas rekoni ke tio estas vere hontinda, same por ni, kiel por la lingvo mem. Kaj eĉ oni devas aldoni ke tiu malsano de la neparolemo atakas inkluzive niajn kongresanojn, ĉu estu enlandaj ĉu internaciaj, ĉar sufiĉa nombro da ĉeestantoj prenas «la rektan vojon» uzante la propran nacian lingvon, ĉar tiu ĉi sistemo de interkompreno estas pli glata kaj facila. Tiu stranga situacio, kun la du aspektoj de facileco kaj nekapablo por praktike montri la nesuperebla̧jn kvalitojn de la lingvo, devas ĉesi.

Tiaj kompreneble estis la aspiroj kaj intimaj deziroj de nia entrepreno preparante la seminariojn, kiuj laŭlonge de la antaŭaj monatoj skuis niajn mensojn kaj konsciencon, por trovi novajn ideojn aŭ eble, rememori la antikvajn, —tio ne gravas—. Sed super ĉiuj aliaj konsideroj oni laŭte devas aserti ke nia objektivo estis plene atingita.

Ĉiusemajne oni prezentis iun temon, pri kiu verkis unu aŭ pluraj personoj, laŭvole. Ĉiokaze la proponanto de la temo ĉiam devis skribi pli aŭ malpli longe pri la temo proponita. Post la legado de ĉiuj artikoloj, oni starigis ko-

lokvon aŭ debaton laŭ la animstato de la ĉeestantaro. Sed ĉiuj kunsidantoj, unu post la alia, devis interveni kaj esprimi sian opinion, kio motivas en la plejmulto de la okazoj interesajn interŝanĝojn de ideoj kaj konceptoj kie ankaŭ oni povas montri la regadon de la lingvo kiun posedis ĉiu parolanto.

Se la temo ne estis elĉerpita en unu vespero, ĉe la sekvanta kunsido oni daŭrigis ĝin, aldonante novajn interpretojn de la tezo, por ĝia plej fidela analizo. La temoj estis diversaj, kaj la deziro de la organizantoj estis atingita, ĉar lastatempe la parolkapablo kaj progreso rilate al la uzado de la lingvo estis vere rimarkindaj.

La lasta seminario, kiu fermis kvazaŭ per ora broĉo tiun interesan serion estis la plej brila el ĉiuj, ĉar ĝi estis honorigita per la ĉeesto de D-ro Miguel Sancho Izquierdo kaj aliaj elstaraj samideanoj de nia urbo. La partopreno estis vigla kaj oni konsideris objektive la diversajn aspektojn kiuj karakterizas la Esperantan Movadon, de la komenco ĝis niaj aktualaj tagoj, kun la evoluo kiun implicas en ĝia disvolviĝo la moderna vivo kun la multaj rimedoj kiujn la nuna tekniko metas je nia dispono. Tiel finis la seminarioj en tiu ĉi jaro kaj ni esperas daŭrigi ilin dum la venonta, kun la sama sukceso.

Kaj la programo daŭrigis:

**Sabate, la 31-an de majo**

Okazis publika konferenco de nia Prezidantino de H.E.F. D-rino Rafaela Urueña, en salono de la Ŝparkaso.

Malfermis la eventon D-ro Ferdinando de la Puente, kiu emfazis per trafa biografio du el la aspektoj kiuj inspiris la tutan vivon de S-ro Sancho Izquierdo dediĉata dum la juneco al senĉesa studo, kaj pli poste kun la atingitaj rezultoj de la matureco, al la formado kaj forĝado de novaj generacioj en la Jura Fakultato, kaj dum pluraj jaroj li estis Rektoro de la Universitato.

La alia aspekto rilatas al la esperanta movado, kiam nia Prezidanto, ankaŭ en siaj junaj jaroj konatiĝis kun Esperanto kaj preskaŭ sen interrompo dediĉis siajn energiojn al la kaŭzo de la Internacia Lingvo, per lia helpo, morala apogo kaj aktiva partopreno en pluraj kongresoj.

Denove poste D-ro de la Puente prezentis nian H.E.F. Prezidantinon S-ino Rafaela Urueña pri kies altaj meritoj de inteligento, kapablo kaj studemo atestas la reliefa posteno kiun ŝi okupas en la Valladolida Universitato. Ĉirkaŭ la jaro 1960 ŝi aliĝis al Esperanto kaj de tiam en rekorda tempo-spaco ŝi fariĝis tre kompetenta en la plej ampleksa signifo de la vorto, kio certe estas kontentiga fakto por nia movado kaj por ni ĉiuj.

Pri la temo «El Esperanto, vehículo de cultura internacional» —en hispana lingvo— S-ino Rafaela Urueña komencis sian prelegon. Ne estas facile rememori la tutan interesan enhavon de la parolado. Tamen, mi klopodos prezenti la ĉefajn trajtojn, kiuj laŭ nia opinio povas resumi tiun aŭtentikan juvelon de oratorio. Ŝi majstre kaj klare reliefigis la diversajn aspektojn de la espe-

ranta lingvo, kiuj ĝenerale konfiguras ĝin, same parolata kiel skribata, por esti ilo de interkomunikado. Ŝi rimarkigis la diferencon inter popola kaj klera lingvo, kaj la nombro da uzataj vortoj en konversacio laŭ la kulturnivelo de la uzanto. Ju pli alta estas la instrua grado de iu, des pli ampleksa estas la nombro da radikoj aŭ terminoj kiujn tiu persono aplikos por siaj interrilatoj.

Komparante primitivajn lingvojn kun la modernaj, oni eĉ preskaŭ povas mezuri la diferencon, kiu kondiĉigas la kulturon inter niaj antaŭprauloj aŭ similaj gentoj de nia epoko, kies sistemo de komuniko estas krioj kaj korpaj gestoj, dum la aktualaj esprim-formoj estas riĉigitaj per la diversa gamo de nuancoj, kiujn prezentas al ni la modernaj idiomoj, enkondukitaj en la kampon de la literaturo, laŭ la pluraj aspektoj de romano, poezio aŭ teatra verko.

Pri Esperanto estas rimarkinda la diferenco inter la unua baza Vortaro kun tre reduktita nombro da radikoj kaj la Plena Ilustrita Vortaro, kiu enhavas saman nombron da vortoj kiel iu ajn alia lingvo, sekve de la bezonoj kiujn postulas la moderna tempo kun ĝia scienco-teknika terminaro.

Esperanto taŭgas kiel ponto de kulturoj, per la tradukoj de verkoj, kiuj el la enlandaj lingvoj estas translokigitaj al la internacia, kies traduko taŭgas por ke la legantoj de la tuta mondo povu rekte kompreni la pensojn kaj ideojn de la verkisto.

Ankaŭ ŝi menciis kelkajn titolojn de tradukitaj verkoj kaj atentigis pri la grava fakto de nia originala literaturo, ĉu proza, ĉu poezia, kiu havigas al Esperanto rangon de viva lingvo kun la samaj rajtoj kaj meritoj de la naciaj.



Detalo de la Aljafería

Laŭ mia opinio, tiel estas en sintezo la esenco de la parolado kaj mi pardonpetas pro miaj certaj forgesoj.

Sekve, la verkistino S-ino Encarnación Ferré per delikata kaj esprimriĉa maniero deklamis belajn poeziojn kaj kantis en esperanto kelkajn el siaj proprajn komponaĵojn. Ŝi estis akompanata per gitaro kiun ludis sia bela filino.

Fine, la omaĝinto D-ro Sancho Izquierdo, per emociaj kaj kortuŝaj vortoj, dankis la antaŭajn intervenojn kaj rememoris kelkajn interesajn okazintaĵojn de sia esperantista vivo.

Post tiu brila evento, la plej granda parto de la ĉeestantaro partoprenis en bankedo okazinta en «Círculo Mercantil» kie, je la desertoj la Vicprezidanto de Frateco S-ro Ortiz Gratal donacis belan emajlan platon al la omaĝinto kaj belan keramikaĵon kun tipaj dolĉaĵoj de la regiono ricevis la Prezidantino de H.E.F.

La sekvantan tagon, la samideanaro vizitis la faman kaj artinteresan Palacon de la Aljafería (legu Alhaferia).

La madridaj gesamideanoj respondante ĝentile al nia invito, ankaŭ vizitis nin, kaj afable informis nin pri ilia agado, ĉefe pri la organizado de la Hispana Kongreso de Esperanto.

Mi ne povas preterlasi la okazon por esprimi mian plej sinceran dankon al ĉiuj kiuj helpis kaj enkuraĝigis nin por plene realigi tiun ĉi neforgeseblan eventon.

**A. Salete**

---

# Esperanto: Parolaĵo de la mondo

Ĉiuj oficistoj, kaj verŝajne ankaŭ diplomatoj, en la ĉefoficejo de la Unuiĝinta Naciaro en Novjorko povis legi 1 1/2 paĝan artikolon «Esperanto: parolaĵo de la mondo», kiu aperis en la gazeto de UN, Sekretariejaj novaĵoj (Secretariat News) de 1980-02-29.

Liveris la artikolon UEA mem, kun foto de E-kurso okazinta en la nova oficejo de UEA en Novjorko. (Cetere ĝian inaŭguron ĉeestis s-ro Robert Muller, sekretario de Ekonomia Kaj Socia Konsilio de UN.)

Al ni estas imageble, ke granda parto de la legintoj de la artikolo trovas Esperanton solvo de la babeleco de UN, sed ke, aliflanke, buŝ-kaj papertradukistoj, kiuj vivtenas sin profitante el la lingva problemaro, psike ne facile povas akcepti la pretendon de Esperanto, ĉar la lingva problemo —laŭ ili— minacos al ili senlaborecon. Tiuflankan argumenton ni bezonas havi.

Ja estas brila atingo, ke la grava gazeto de UN komencis serioze taksi la valoron de Esperanto, post la artikolo en 1977 pri monda diplomato parolanta Esperanton. (UN KAJ NI Nº 17).

---

# 8-a ESPERANTISTA RENKONTIĜO DE LA VALENCIA REGIONO EN «BUÑOL»

En la bela kaj tipa urbeto de «Buñol», ĉi-jare kunvenis la valencia esperantistaro, pli malpli 100 personoj, la tagon 18-an de majo. Kiel okazas en ĉiu E-evento multaj esperantistoj de aliaj regionoj, ekz. de Kastilio kaj Katalunujo, ankaŭ ĉeestis kun la celo ĝui E-etoson.

Post la akceptado en la kunvenejo «Albergue San Luis» oni vizitis la faman Kastelon, la kavernon «Turche» kaj dum la irado tra la stratetoj de «Buñol» ni ĝuis mirindan surprizon, unu el la plej famaj kaj sonoraj festoj de la regiono t.e. «Mescleta» (Maskleta), konsistanta je eksplotado da miloj kaj miloj de petardoj, unuj post la aliaj; post la pulvofesto la aero restis plenplena da pulva odoro.

Tagmeze jam en la restoracio de la kunvenejo oni tagmanĝis kaj poste diligente la ĉeestintaro vizitis la urbodomon kie ĝi estis akceptita de la s-ro delegito pri kulturo.

S-ro Felix Navarro prezidanto de la E-Grupo de Valencio, disdonis diplomon al la sukcesitaj kursanoj. Sekve parolis al la esperantistaro la jenaj reprezentantoj:

S-ro Petro Nuez nome de la K.K.K. de HEF. salutis kaj invitis ĉiujn al la proksima Kataluna Renkontiĝo en «Vilanova i la Geltru».

S-ro Augusto Casquero je la nomo de la L.K.K. de la 40-a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido, invitis samtempe al la menciita aranĝo.

S-ro Salvador Aragay salutis je la nomo de HEF-estraro, ĉar nia prezidantino s-ino Rafaela Urueña ne estis en «Buñol», ĉar ŝi partoprenis la 1-an Renkontigon en «Murcia», okazinta dum la sama tago. Plie, S. Aragay transdonis al ĉiuj, salutojn de la E-asocioj de Barcelono: Unesko, Stelo, F. M. kaj Barcelona E-Centro; finfine li atentigis kaj invitis ĉiujn pri alia grava aranĝo kiu okazos dum la 30-a kaj 31-a de majo kaj 1-a de junio en Zaragozo, honore al nia kara HEF-eksprezidanto D-ro Miguel Sancho Izquierdo dum lia 90-a datreveno.

Finitaj la salutoj, la junularo de «Buñol» projekciis filmon pri sia urbo kaj kurioza tipa tradicio «TOMATADO» kiu estis forte aplaŭdita de la publiko. Tiel do, oni finis amuzan, gajan kaj simpatian valencian renkontiĝon.

Nur, la subskribinto ne povas forgesi ke la renkontiĝo estis organizita entute, de la gejunuloj de Valencio kaj «Buñol», gvidataj por niaj viglaj junaj samideanoj Carlos N. Moya kaj José Venancio.

Ĝis la 9-a V.E.R.

S. Aragay

# 4a H.E.J.S. TENDARO

Dum la tagoj 3a ĝis la 6a de aprilo, kunvenis en «Gandía» (Valencio), pli ol 40 personoj de la E-grupoj de: Bilbao, «Elche», «Callosa del Segura», Zaragozo, «Buñol», Madrido kaj Valencio.

Okazis du ekskursoj. La vendredon vespere, ni vizitis la rokegon de «Ifach» en «Calpe» (Alicante), kiu situas je 60 km el «Gandía»; kelkaj el la ĉeestintoj supreniris ĝis la pinto, ekde kie ni ĝuis belegan pejzaĝon de la tiea marbordo. La sabaton ni pasigis la tutan tagon ĉe la Esperanto-Oazo, kiu situas, kiel vi jam scias je 6 km de «Gandía» en la valo nomata «La Marxuquera», tie ni vizitis neolitikan kavernon «Les Maravelles».

La ĉefa afero de la tendaro estis paroli pri la reorganizado de H.E.J.S. Dum la faritaj kunvenoj oni akordis ke estas necesa trovi delegiton de H.E.J.S. en ĉiu E-grupo, tiu ĉi delegito devos organizi la gejunulojn de sia E-grupo kaj varbi novajn membrojn por H.E.J.S.

Interesuloj skribu rekte al kunordiganto Carlos N. Moya Segui, strato, Angel del Alcazar 11-13, Valencio-18.

Oni decidis ankaŭ, daŭrigi la eldonadon de «JUNECO» kaj atendi ĝis la proksima Hispana Kongreso en Madrido (19a ĝis 24a de julio), kie oni okazos H.E.J.S.-kunveno kun la celo elekti H.E.J.S.-estraron.

Ni esperas la ĉeeston de unu reprezentanton de ĉiu hispana E-Grupo kaj E-sekcio.

Carlos N. Moya



Grupo da gepartoprenantoj en la 4-a H.E.J.S. tendaro en Gandía (Valencio)

# 3-a PRINTEMPA FESTO

Ĝenerale, preskaŭ ĉiuj E- kunvenoj estas tro seriozaj kaj oficialaj, tamen escepto estas la jara Printempa Festo, organizita de Centro E-Sabadell la 4-an de majo, en la Junulara Esperantista Restadejo de HEF en Monistrol de Montserrat, Barcelono, jun la celo kunvivi senceremonie iuj horoj, estraranoj, geanoj kaj simpatiantoj al E-movado.

Ekde sabato matene kelkaj ekskursantoj tendumis en la apudaj terenoj de la Restadejo kaj nokte estis organizita tendumfajro.

Dimanĉo iom post iom, alvenis la esperantistaro kaj post la salutoj inter ĉiuj ĉeestintoj, organizis: librovendejon, konkuron kaj ludojn por la infanoj, gejunuloj kaj veteranoj.

Dum la tagmanĝo okazis «katastrofo», ŝtormo falis sur la esperantistojn kaj interompis la tagmanĝon. Multaj el la esperantistoj eniris en la Restadejon kaj la organizantoj disdonis gaje kaj rapide la diversajn premiojn al la gajnintoj el la multnombraj konkuroj.

Nur oni aldonas ke ĉio estis tre simpatia kaj agrabla.

**Jordi Ferre**



**Juna kurkonkurso dum la Printempa Festo**



**Esperantista restadejo kie okazis la aranĝo**

# REORGANIZADO DE H.E.J.S.

La estraro de Barcelona E-Centro informas, ke la juna delegito de nia J.S. estas s-ano Salvador Guillermo Viñeta, strato Escultor Canet 20-24-1º-2º, Barcelono-28. Li preparas nuntempe liston pri ĉiuj HEJS-geanoj, tiel do, ĉiu HEF-geano ne pasinta la aĝo de 25 jaroj, sendu al li siajn nomon, adreson kaj naskiĝitan daton.

**B.E-C estraro**



Urbodomo de EL FERROL

# I-a Esperantista Renkontigo en El Ferrol

En granda salono de la Liceo «Lestonnac» de El Ferrol okazis la 17-an kaj la 18-an de Majo, la I-a Esperantista Renkontiĝo kun partopreno de geesperantistoj de Vigo, Coruña, Santiago, El Ferrol kaj portugalaj gesamideanoj de Oporto. La kunveno prezidis S-ino Anxela Nuñez Piñón kaj S-ro José Lavandeira, Prezidantino kaj Sekretario, respektive, de la loka E-Grupo «Verda Stelo».

Post la salut-vortoj de la reprezentantoj de la diversaj Grupoj de Esperanto kiuj partoprenas la Renkontiĝon, oni starigis prezidantaron, konsistanta el reprezentanto de «Círculo Mercantil» de El Ferrol; reprezentanto de la «Ateneo Ferrolano»; reprezentanto de la Komisiono pri Kulturo de la Urba Konsilantaro, kaj S-ro Xulio Bueno, reprezentanto de la estraro de H.E.F.

Sekve, Ŝ-ro Antonio Alonso Núñez, Profesoro de Esperanto en la Universitato de Santiago, prelegis pri la aktuala momento de Esperanto.

Poste, la esperantistoj partoprenis en diskuto kie oni ekzamenis la problemon de Esperanto en Galegio, kaj oni emfazis ke Esperanto celas nur esti neŭtrala lingvo por tutmonda interkompreniĝo, sed neniam anstataŭi la proprajn denaskajn lingvojn.

Fine, partoprenis en la renkontiĝo la folklora grupo «Terra Meiga» kaj la loka kantaŭtoro Miguel Corral. La ĉeestantaro premiis la intervenon de ambaŭ per aplaŭdado.

Dimanĉe kaj en pentrinda vilaĝo de la Ferrola golfeto okazis komuna tagmanĝo, en kiu regis bonhumoro kaj esperantista kunfrateco. La gepartoprenantoj eĉ havis eblecon trinki la tipan galegan trinkaĵon nomata «Queimada».

Pri tiu evento sukcese okazinta en El Ferrol, aperis raporto en la grava loka ĵurnalo «Norte de Galicia».

**Julio Bueno**

# LA MUZEO EL VAKSO

El Hollywood: Aurora de Silva
Tradukis: Luis Martín Herrero

En Buena Park, ne malproksime de Hollywood, staras la fama muzeo de vaksaĵoj kiu kolektas la plej fame konatajn vaksfigurojn de la artistoj. Ĝi vekas nekredeblan intereson kaj altiras milojn da turistoj el ĉiuj mondopartoj, kiuj ĵus alveninte Kalifornion tuj deziras viziti ĉi tiun mirindan muzeon, kiu prezentas la artistojn (multaj jam malaperintaj) dum la plej bona epoko el ilia vivo kaj el ilia arto.

La vaksaj figuroj estas tiel perfektaj kaj tiel similaj al la artistoj ke ili rememorigas nin pri iliaj filmoj plej sukcesaj.

Dank al ĉi tiuj vaksaj figuroj, ni povas hodiaŭ admiri tiujn favoritojn el la ekrano dum scenoj tiel realecaj ke ili donas al ni la impreson ke ili estas tie, vidantaj nin, ridetantaj, malgajaj aŭ koleraj dum kelka speciala sceno el ilia plej konata filmo.

Oni devas mencii ke multaj el tiuj figuroj estas verkoj faritaj en Hispanujo, de hispanaj skulptistoj, kies arto impresas pro la grandega simileco de la figuroj al la veraj artistoj.

La muzeo kolektas per siaj vaksfiguroj la grandiozecon kaj elstarecon kiujn la kino oferis al ni dum sia plej bona tempo: figuroj kaj scenoj kiuj alportas al ni la nostalgion el neforgesebla epoko, kiu revenos neniam.

---

# SAF-80 STUDENTA AŬTUNA FORUMO

La Scienca Rondo de Esperantistaj Studentoj aranĝas pojaran regulan forumon por la opaj studentrondoj. Tio estas ŜAF.

SAF-80 okazos inter la 7-a kaj la 9-a de novembro de 1980 en Budapeŝto (Hungario) kaj anstataŭ la publika aliĝado, ni kolektas la partoprenontojn invitante speciale la reprezentantojn de la studentrondoj.

Tamen, la unuopuloj povas aliĝi per alsendo de propraj sciencnivelaj tradukaĵoj aŭ originalaĵoj ankoraŭ ne aperintaj esperantlingve (almenaŭ 15 tajpitaj paĝoj).

La partoprenkotizo estas 300 hungaraj forintoj.

Sendu la aliĝilon al: Scienca Rondo de Esperantistaj Studentoj. Budapest, Pf 193 H-1368 (HUNGARIO).

# EDUKI LA INFANOJN POR LA PACO

En la kadro de la Internacia Jaro de la Infano, ĉie tra la mondo spruĉis iniciatoj, tiel fare de la Ŝtatoj kiel de neregistaraj organizoj favore al Infanaj Rajtoj, kiuj estis unuanime aprobitaj fare de la Ĝenerala Asembleo de UNO antaŭ dudek jaroj.

Unu el tiuj rajtoj temas pri la eduko por la paco. La deka principo de la Deklaracio pri Infanaj Rajtoj tekstas: Infano estu instruita enspiritigante en li komprenemon, toleremon, amikecon inter la popoloj, universalan pacon kaj fratecon.

Se ni analizas vorton post vorto de tiu principo kaj ni komparas la realon, kiun al ni oferas la hodiaŭa mondo, ni demandos nin mem, kiel ni eduki niajn infanojn cele al la paco, dum ni vivadas ĉirkaŭitaj de ĉiuspecaj perfortaĵoj.

Eduki cele al la paco estas malfacila tasko, ĉar ĝi postulas anticipan aliĝon de la propraj edukistoj. Tiuj ĉi devos ekkompreni kaj asimili la realan kaj plej ampleksan sencon de tio, kio signifas Paco, de ĉio, kio estas Paco disde kio ne estas Paco, la kondiĉojn de ties ekzistado kaj la obstaklojn por ties establigo, ili devos ekkompreni, ke Paco estas io pli ol Ne-Perfortado, ke Paco estas ankaŭ amo, justeco, respekto por ĉies rajtoj, etikaj kondutadoj...

La edukontoj devos serioze pripensi pri ilia respondeco. Ili estas devigataj strebi tra ilia persona kaj kolektiva atestado, transdoni al infanoj tiujn ĉi valoraĵojn.

Tio estas ja la personoj de bona volo: politikistoj, pensuloj, verkistoj, artistoj, instruistoj, gepatroj, k.t.p., kiuj devos honeste ekspliki la veran sencon de la Paco. Honeste, kial la historio de nia tempo estas plena je grandaj deklaracioj favore al la Paco, dum la realo montras al ni mondon pli kaj pli malsolidara, pli egoisma, pli maltrankviliga.

La edukontoj pri Paco povas ja esti multnombraj; mankas nur konsciiĝi pri ties respondeco kaj ebloj respektive al ĉiu el ni. Necesas konstrui tiun ĉi Pacon spano post spano, en la hejmoj, surstrate, en laborejoj, en lernejoj, en Parlamentoj, en Internaciaj Organizoj... Sincere konvinkitaj, malignorante la dramon de la perfortaĵoj, nepras malfermi niajn korojn al vera sopiro pri Paco.

Por konduki la popolojn al Paco, ni devas ekde nun streĉe prepari malsimilajn generaciojn ol la niaj. Necesas lernigi la infanojn ami, ke ili elfaru el socio, komunumon pli justa kaj honesta, sed tion ni atingos nur se ni kapablas prezenti mondon pli humanecan kaj pli solidaran. Nur per la ekzistado de kohereco inter niaj diroj kaj niaj agoj, ni komencos meti la fundamenton por atingi Pacon en la mondo.

La infanoj estas la plej vundebla parto de la socio antaŭ la perforto, sed ili ja estas nia espero por plej bona morgaŭo.

La agado por la Paco fariĝos fruktodona tuj kiam nia laboro estos korsincere plenumata. Nur se ni ekkomprenas la veran signifon de la Paco, ni kapablos ĝin transformi en io pli ol utopio, en io pli ol revo ideala, sed nerealigebla.

Mª Rosa Griso de Sala
Membro de la Sekretariato «Justicia y Paz».
Direktorino de la Oficejo de la Homaj Rajtoj de la Hispana Ruĝa Kruco en Barcelona.
Esperantigis, kun permeso de la aŭtorino kaj la revuo «Jano y Humanidades».

**F. Oliván Guiu**

# NIAJ GRUPOJ

## ZARAGOZA

La 27-an de junio, je la 8-a vespere, okazis en la sidejo de la Esperanto Grupo «Frateco» festo por fini la aranĝoj organizitaj dum la tuta jaro. La festo, en tre amikeca etoso, konsistis el aŭskultado de esperantaj kantoj kaj diversaj sonbendoj. Ĉiuj gepartoprenantoj estis je la fino regalitaj de la estraro de Frateco por trinkaĵoj.

(Laŭ Cirkulero de Frateco)

## MOYA (Barcelona)

La Esperanto Grupo de tiu ĉi urbeto, organizas ekspozicion de infandesegnaĵoj pri libera temo elektota de la partoprenontoj. Interesuloj petu detalajn informojn de: ESPERANTO GRUPO, Str. Forn 19, MOYA (Barcelona) Hispanio.

## BARCELONA

Laŭ informoj ricevitaj de S-ano Jesús Pérez Caballero, estas antaŭvidita esperanta ekspozicio en la Universitato de Bellaterra. Ni petas ĉiujn grupojn kaj samideanojn la sendon de taŭga materialo por tiu ekspozicio.
Ankaŭ por disvastigi la internacian lingvon Esperanton ili havas je la dispono de ĉiuj interesuloj, gramatikon de Esperanto (kastilingve aŭ katalunlingve), enhavante pli ol 2.000 vortojn, kiun oni povas ricevi kontraŭ sendo de neŭzitaj poŝtmarkoj je valoro 50 p-toj.

La personoj kiuj deziros mendi la gramatikon, skribu al Grupo de Esperanto, Apartado 27.066 BARCELONA.

## VALLADOLID

La 20-an de junio okazis en la sidejo de la Grupo «Fido kaj Espero» de Valladolid festo por finigi la kurson, kiu estis gvidata de S-ano Vicente de la Parte. Parolis unue la Prezidanto de la Grupo, kaj Vicprezidanto de H.E.F. S-ro Angel Díez kiu kuraĝigis ĉiujn daŭrigi la lernadon de la lingvo; sekve, D-ro Gil Contreras diris kelkajn vortojn emfazante la utilecon de Esperanto en la interhomaj rilatoj kaj fine, la profesoro de la kurso S-ro de la Parte, dankis ĉiujn pro ilia ĉeesto kaj poste ĉiuj gepartoprenantoj en la kurso ricevis la esperantistan emblemon donacita de la Grupo.

La festo finiĝis per hispana vino en kiu ĉiuj havis eblecon interparoli pri diversaj aspektoj de la esperanta movado en nia urbo.

## BILBAO

La 22-an de junio grupo da bilbaoaj gesamideanoj, per aŭtobuso, translokiĝis al la vilaĝeto Soncillos (Burgos) kie ili kontaktiĝis kun la tieaj gesamideanoj. La nova grupo de Soncillos prezidas S-ro Carlos Herrero.

Ankaŭ en la sidejo de la Grupo de Esperanto okazis festo kiel fino de la kurso, en kiu ĉiuj gelernantoj ricevis, donacita de la Grupo, la esperantistan emblemon. La kvar profesoroj de la Kurso ricevis, donace, librojn kun la subskriboj de ĉiuj gelernantoj, kiuj prezentis humoran teatraĵon kaj fine, la Grupo regalis ĉiujn per diversaj trinkaĵoj.

(Laŭ Cirkulero de Grupo Esperanto de Bilbao).

# FELIX RODRIGUEZ DE LA FUENTE, LA VERA AMIKO DE LA INFANOJ KAJ LA BESTOJ FORPASIS



Félix Rodríguez de la Fuente naskiĝis en Poza de la Sal (Burgos) la 14-an de Januaro 1928-a. Je 17-jara li translokiĝis al la universitata urbo Valladolid por studi la medicinan karieron. Poste, li specialiĝis pri Odontologio, sed oni povas diri ke neniam li profesiis tiun karieron. Lia vera alvokiĝo estis ĉiam la naturo. «Mi havis bonŝancon —li diris iufoje— vivi eternan skolon, ĉiam validan, kiu ne ŝanĝas siajn planojn laŭ la politikaj sistemoj, ĝi estas la ĉiama skolo, la naturo».

Ekde la infaneco li observadis en sia vilaĝo la falkojn kaj estis precize dank'al tiu rabobirdo kiel li enkondukigis en la televidan mondon, kiu dum 16 jaroj estis lia vivado. Felikso fininte la militservon dediĉis sin al la falkĉasado revivigante forgesitan arton dum preskaŭ unu jarcento. Li gajnis la unuan konkurson pri «la semajno de la falkĉasado» kaj de tiu momento, la hispana televido oferis al li kunlaboradon pri tiu temo en la Programo «Semajnfino».

Jam la kunlaborado fariĝas pli kaj pli ofta per tiu rimedo. Realiĝas pluraj raportoj pri la bestaro en Afriko kaj Saŭdi-Arabio, kaj iom poste sekvis seninterrompe la serioj «Sovaĝa Vivo», «Blua Planedo» kaj «La Homo kaj la Tero», kiu konsakris lin unu el la plej elstaraj personoj de la televido.

Liajn programojn oni vidas nuntempe en Usono, Japanujo kaj pluraj

landoj de Eŭropo. Aliparte, la plimulto de la enciklopedioj de li eldonitaj: «Miaj amikoj, la bestoj» kaj «La granda enciklopedio de la bestaro» estas tradukitaj al kvardek lingvoj, inkluzive la rusa.

Dank'al liaj programoj, la hispana televido konkuris altnivele kun la televidoj de kvin kontinentoj. La propra natursciencisto rememorigis antaŭ nelonge: «En tiu ĉi momento vidas miajn filmojn sepcent milionoj da personoj en la mondo, pro tio, doni al mi la monon kiun mi bezonas por fari filmojn estas la plej bona investo kiun la hispana televido povas fari». Tiuj ĉi vortoj kiuj povus esti iom malmodestaj, nur estas la sekvo de la iluzio kaj pasio kiun li sciis doni al sia genia verko. Iluzio kaj pasio kiujn liaj programoj reflektis fidele kaj kiuj faris lin la persono plej televideca de la nuntempo.

La internacia dimensio kiun atingis lia persono tiel rapide, venas de la fakto ke Rodríguez de la Fuente sciis pli ol ĉiu alia en nia lando, almenaŭ kunligi la televidantojn apud la televida ekrano.

Rodríguez de la Fuente sciis superregi kaj doni al la hispana televido eksterordinaran fortikecon. Li estis por la publiko preskaŭ mita. La morto de Félix Rodríguez de la Fuente estas la unua granda spuro kiun ricevas la televidantoj en sia viva kaj rekta rilato kun la televido. La homo kiu donis al la hispana televido internacian dimension meritas omaĝon.

La morto okazis kiam la aviadilo en kiu li veturis kune kun siaj kunuloj de la televida teamo estis filmantaj en Alasko la «kuradon de sledoj tirataj de skimaj hundoj» suferis akcidenton. Tiu kurado estas la plej granda distraĵo kaj sporta okazaĵo de tiu grandega Lando. La natursciencisto preparis nuntempe la televidan serion «Hundoj de la Mondo» kaj tiu lasta kaj bedaŭrinda ĉapitro apartenas al tiu ĉi serio.

La opinioj de ĉiuj natursciencistoj koincidas asertante ke ni perdis elstaran homon.

Ke la bona kaj granda amiko ne nur de la infanoj kaj de la bestoj, sed ankaŭ de la plenaĝuloj pace ripozu.

LUIS MARTIN HERRERO

---

**EKSPOZICIO DE INFANDESEGNAĴOJ.** Libera temo. Dorse skribu nomon kaj aĝon. Ni rekompencos laŭdezire.—ESPERANTO-Grupo. Str. Forn 19 MOYA (Barcelona) HISPANIO.

**FRANCA KONGRESO 1981.**—En Perpignan (Orientaj Pirineoj).
La 73an Franca Kongreso okazos en Perpignan de la 6a ĝis la 9a de junio. Organizas la Kultura Esperantista Centro, 72 Av. Géneral de Gaulle.—66000 PERPIGNAN. Oni antaŭvidas renkontiĝon kun hispanaj samideanoj.

Abonu la revuojn OOMOTO (du numeroj jare. Prezo 350 p-toj) kaj REVISTA PORTUGUESA DE ESPERANTO (kvar numeroj jare. Prezo 200 p-toj).
Peranto por Hispanio: Sacramento Collado, Pintor Mariano Moré 6-3º B GIJON.

---

# NOVA JARDEKO

Ni ĵus komencis 1980 kaj post sep jaroj ni atingos la centjaran datrevenon de la aperigo de Esperanto.

Jam diversfoje ni skribis ke por inde festi la eventon, ni kolektantoj devus publikigi taŭgan kaj indan BIBLIOGRAFION de la esperantaj libroj, revuoj, broŝuroj, k.t.p., kiuj estis eldonitaj dum la lastaj cent jaroj.

De kiam ni aperigis n-ron O de KOLEKTADO, jam forpasis preskaŭ unu jaro kaj duono kaj ĝis nun ni malmulte atingis pozitive. Dise estas multaj personaj verkoj, katalogoj kaj listoj pri diversaj fakoj kaj specialaj temoj, sed mankas racia planigado de la laboro kaj kunigi la erojn.

Ni bezonus kompletan listigadon de:

KONGRESAJ LIBROJ
ADRESAROJ KAJ ALMANAKOJ
JARLIBROJ
TURISMAJ PROSPEKTOJ
SPECIMENAJ FOIROJ, k.t.p.

Tiuj kiuj estos preta helpi, bv, skribi al nia adreso:

KOLEKTADO, str. Forn, 21, MOYA (Barcelono) Hispanio.

---

# NI RICEVAS KAJ KOMENTAS

Esperanto Centrum Zaanstreek, Postbus 433,1500 EK Zaandam, Nederlando Estimataj gesamideanoj:

Nia poŝtkesto estas en komuna uzo de nia Esperanto Centro (regiona), la loka klubo, kaj de Skolta Esperanto-Ligo.

Bultenoj, revuoj kaj gazetoj kiujn ni ricevas, estas atente legataj kaj distribuataj laŭ la tri organizaĵoj.

POSTE ILI TROVOS LOKON EN LA ESPERANTO-BRETO EN LA URBA BIBLIOTEKO, kie ili atendas la publikon pri la vera internacieco de niaj lingvo kaj Movado.

Ni do kore dankas al vi pro viaj alsendoj.

**Esp. Centrum Zaanstreek**
**Esp. Vereniging Zaandam**
**Skolta Esperanto-LIGO**

---

Ho! Mirinda kunlaborado inter tri E- organizoj kaj tre efika agado donante la E-periodaĵojn al urba biblioteko.

Ĉu en niaj asocioj povus agi same kiel ili, t.e., kontaktigi kun iu ajn biblioteko kun la celo organizi E-breton.? ESTRARANOJ KAJ GVIDANTOJ DE E - ASOCIOJ kaj E - SEKCIOJ, PRIPENSU TION.

S.A.

# LITERATURA RUBRIKO

MARIA DE LA CONCEPCION JESUSA BASILISA ESPINA G. DE TAGLE, literature konata kiel CONCHA ESPINA, naskiĝis en Santander la 15-an de aprilo 1869. Pro edziĝo ŝi elmigris en Amerikon —kvar jarojn ŝi loĝis en Valparaíso (Ĉilio)— kie naskiĝis du el siaj kvin filoj. Tiutempe ŝi aperigis artikolojn en ĉilia ĵurnalo «El Porteño» kaj en argentina «El Correo Español». Post sia reveno al Hispanio, ŝi loĝis en Mazcuerras, Cabezón de la Sal kaj Madrid. En 1935 Concha Espina vojaĝis al Peruo. Ŝi mortis en Madrid, la 19-an de majo 1955.

Kelkajn ŝiajn verkojn aperis germane, itale, angle, france, svede, ruse, ĉeĥe, portugale, nederlande kaj pole.

Ŝi verkis poemojn, romanojn kaj rakontojn. La plej konataj estas: «La niña de Luzmela», «La esfinge maragata», «El metal de los muertos», «Altar Mayor», «El Jayón», «Pastorelas»...

Oni povas konsideri ŝian verkaron kiel la lasta ĝenero de la realismo de la deknaŭa jarcento, pro ŝia sentemo kaj rezignacio.

## LA DOLĈA MENSOGO

Estas Arcángel infano humaneca kaj altruisma, iom filozofa, iom revema.

Plaĉas al li multe la birdoj; ili plaĉas al li kun subtilaj rafinaĵoj de admiro kaj pieco. Li volas havi ilin proksime por doni al ili sukeron, falaron kaj odorajn herbojn; por oferi al ili unu kristalan banejon, unu silkan balancilon, unu belan kaĝon tremantan ĉe la suno sub la indulgema tavolo de la arboj aŭ la doma ŝirmo de la verandoj; li volas enamiĝe kontempli ilin multajn sinsekvajn horojn kaj ĝui iliajn leĝeron kaj belecon, iliajn pepojn kaj kantojn.

Sed samtempe Arcángel suspektas ke la gastamo tiel oferita estas formo de ora sklaveco. La pura konscienco de la infano alarmiĝas; li neniel pretendas misuzi sian povon nek ke la birdo rigardu lin kiel monstron.

Kaj post multe cerbumi li trovis rimedon akordigi sian amon al la prizorgado de la birdetoj kun sia respekto al la sanktaj liberoj, kiuj diktis leĝojn al la flugiloj kaj al la nestoj.

En la somero, Arcángel, familiariginta kun arbaroj kaj kamparoj ĉe sia marborda domo, azilas birdon kiun alportas al li aliaj infanoj; temas ofte pri sovaĝa kanario, «talín» laŭ la populara montara nomo. Li prizorgas kaj kontemplas ĝin ĝis la aŭtuno; tiam post malfermi la kaĝon li donas al ĝi kison dirante kun malĝojo kiun li kuraĝe kaŝas:

—Adiaŭ, linduleto, ĝis la venonta jaro.

La malliberulo flugas iom mallerte, suriĝas en arbon, sur aleron aŭ muron. Poste ĝi ekkuraĝas, jetas kelkajn aŭdacajn kaj ĝojajn trilojn, kiujn la infaneto aŭskultas kiel adiaŭon, kaj malaperas en la frondaron.

—Adiaŭ, adiaŭ —ripetas Arcángel, kun la okuloj ankoraŭ plenaj de larmoj—: ne forgesu reveni.

—Pep... Pep... —aŭdiĝas en fora flustro, inter susuroj de branĉoj kaj brizoj.

Arcángel restas trista, li pagas sian oferemon per doloro kiu tro afliktas la naivan bruston. Sed tuj li ekkonscias kaj delica plezuro premias liajn karitatojn.

—La birdeto —li supozas— eble iris vidi sian panjon; kiel ŝi kontentiĝos!... Ili parolos pri mi; ĝi diros, ke mi estas tre bona, ke mi donis al ĝi multajn bongustajn aĵojn kaj mi lasis ĝin foriri por ĝia plifeliĉigo...

Ĉi pensoj konsolas kaj kuraĝigas lin tiel, ke li ridetas kun melankolia rezignacio dum ekstaziĝas aŭskultante la nedifineblajn murmurojn kiuj popolas per misteroj kaj sopiroj la bluan eteron. Por la fantazio de la infano ĉiu vasta horizonto estas unu dia senlimeco kie ĝuas kaj triumfas papilioj kaj anĝeloj, birdoj kaj steloj.

Antaŭ nelonge, la nova somero malfermis refoje la pordon de la kaĝo; sovaĝa kanario kantas en ĝi, paradas kaj spongeciĝas de la miraj rigardoj de Arcángel, kiu flustras:

—Ĉu ĝi estas «la sama»?... Ĉu ĝi estas tiu de la pasinta jaro?... Jes; ĉar mi diris al ĝi ke ĝi revenu kaj mi amis ĝin multe... Sendube, ĉar la fenestroj estis fermitaj, ĝi lasis sin kapti por veni!

Arcángel trafas nian nekredeman rideton; vaga konsterno malheligas lian mienon kaj li petegas sugeste:

—Ni eldiru ke ĝi «estas» la sama!

La infaneto kaj la «talín» rigardas unu la alian kun neesprimebla naiveco. Poste unu kantas kaj la alia ridas; ili festas la sukceson de tiu dolĉa mensogo kiu nomiĝas iluzio...

**CONCHA ESPINA**
Elkastiliigo de: LIVEN DEK

Tiu ĉi rakonto aperis en ŝia verko «PASTORELAS», eldonita en 1920.

---

# LA ALKOHOLO KAJ LA DROGOJ

**Pedro Villalar**
**Esperantigis: L. Martín Herrero**

La pliigo de la drogoj en Hispanujo estas jam sciata kaj ne meritas grandajn komentariojn; ĉar la problemo estas klara, se oni volas entrepreni ĝian solvon, oni devas fari el ĉiu flanko: antaŭzorga, profilaktika kaj polica.

Sed la alkoholo estigas problemojn multe pli gravajn pro sia laŭleĝa ekzisto kaj ankaŭ ĉar ĝia apologio produktis socian apation pri ĝiaj sekvoj. Oni parolas pri milionoj da alkoholuloj en nia lando, pri centoj da milionoj de malgajnitaj laborhoroj pro la nelaborado kiun ĝi kaŭzas, pri centoj da mortintoj de hepata cirozo, pri miloj da kazoj de homapartigoj el la socio.

La regantoj, la socio mem sin detenas antaŭ tio kun malklara rezignemo. Ĉu ĝi estas ne solvebla? Ĉu estas nekonfeseblaj interesoj sub la negocego de tiu speco de trinkaĵoj? Ĉu ekzistas ia diferenco inter la viktimoj de la alkoholaĵoj, preskaŭ ĉiam anonimaj kaj por ekzemplo tiuj de la heroino, publikigataj sur la unuaj paĝoj de la ĵurnaloj?

## RIMOJ

Kiel du notoj de harpo
samtempe el ĝi tirataj
renkontiĝas en aero
kaj harmonie sin brakas...
Kiel en sama ŝtipo
du flametoj interlaĉas,
kunfandiĝas kaj sin kisas
kaj ĝisfine kune flamas...
Kiel du ondoj de maro
venas al strando sama
kaj rompiĝinte sin kronas
per bukloj arĝente blankaj...
Kiel leviĝas el lago
du nubetoj vaporakvaj
kaj kunuĝinte en lazuro
formas kune nubon blankan...
Kiel du frontaj rigardoj,
kiel du suspiroj amaj,
kiel du samtempaj, kisoj,
kiel du pensoj flugantaj...
Tiel, fandiĝas du koroj
en fajra forĝejo ama.

Tradukis libere, de Bécquer
Emilio García
SANTANDER

## INFANECO

Estas la najva infaneco
kiel ĉarma purblankeco,
bela ektaglumo el la vivo
same nova substantivo
el «korainstinktsencerbeco».

La bonhereda infanaro
estas senmakula arbaro,
¡paradiza «aĝo el oro»
kiun sopirvokas ĉe horo
la suferante Homaro!

**Aŭtoro:**
**M. Fillat Zatoya**
**(Zaragoza)**

# S.O.S. DE ARGENTINA ESPERANTO-LERNEJO

Estimata samideano: Kiel konate la institutoj por disvastigo de Esperanto baraktas daŭre kontraŭ la fantomo de la financoj.

ARGENTINA ESPERANTO-LERNEJO estas senprofitcela organizo por la instruado de Esperanto per korespondo en Argentino kaj Latinameriko. (Vidu paĝo 81 de Esperanto en Perspektivo).

Ni instruas per elementa kaj perfektiga kursoj kaj disponigas al la gelernantoj ekzemplerojn de diversaj revuoj internaciaj (kune kun ĉiu leciono), por ke ili praktiku kaj samtempe konatiĝu kun la Movado kaj integriĝu al ĝi.

Krome ni havas malgrandan Cirkulantan Bibliotekon kiu pruntedonas librojn al la gelernantoj kaj eksgelernantoj, tial ke estas tre malfacile aĉeti librojn eksterlande pro la altega kosto danke al nia senhalta inflacio. Sed la lernantoj estas multaj kaj la libroj malmultaj.

Ĉar ni alvenis al kriza momento en nia vivo, ni devas elekti: aŭ morti aŭ havi eksteran helpon.

NI PETAS AL VI:

**MODESTAN KONTRIBUON.** Unu, du aŭ pli da Internaciaj Respondkuponojn (I.R.K.), laŭ via bontrovo; tiujn ni utiligos por aĉeto de pliaj metodoj por instruado.

Eventuale sendu ankaŭ monbiletoj (dolaroj, guldenoj, markoj, k.t.p.). Simple, metu ilin en koverto kaj adresu al ni.

**DONACON DE LIBROJ.** Sendube vi havas en viaj bretoj kelkajn librojn esperantajn kiujn vi jam legis, ne plu utiligos kaj kiuj perdas pro tia kaŭzo pluan efikon.

Ni petas: donacu al ni tiujn librojn kiujn vi ne plu utiligos, ni donos al ili utilon per pruntedono al niaj gelernantoj.

Ankaŭ: vi povas sendi al ni esperantajn revuojn aŭ esperantajn turismajn prospektojn. BONVOLU SENDI LA KONTRIBUON AL: ARGENTINA ESPERANTO LERNEJO, Casilla de Correo **278,2000 ROSARIO, ARGENTINO.**

# Fina raporto de seminario aperis

En julio 1979, paralele kun la 35a IJK, okazis en Austerlitz, prestiĝa seminario de TEJO. La presita 32-paĝa fina raporto de tiu KER-seminario estas nun preta; ĝi traktis la temon «Interŝtataj unuiĝoj - kiucele?».

La raporto prezentas iomete koncizigitajn transskribojn de kvar prelegoj, kune kun grafikaĵoj, ilustraĵoj kaj pensigaj demandoj. Aperas ankaŭ resumoj pri la kvin laborgrupoj de la seminario kaj du-paĝa konkludo.

Dum la seminario, prelegis:

—s-ro Peter Kuenstler, tiama funkciulo de la Fako pri Sociaj Aferoj de UN en Ĝenevo, pri: «La celoj kaj strukturo de UN».
—Humphrey Tonkin, pri: «La ekesto de Internaciaj Organizoj».
—s-ro Richard Corbett, Ĝenerala Sekretario de Eŭropa Kunordiga Buroo de Internaciaj Junularaj Organizoj (ECBIYO), pri: «Eŭropa Integriĝo, kiucele?»
—kaj s-ro John Catling, pri: «La funkcio de la Eŭropa Komunumaro»

La temoj de la laborgrupoj estis:

—«Spertoj pri unuiĝo» gvidita de Savas Tsiturides
—«La kvin fratinoj de la Nordo» T. Grundstrom
—«La rajto esti nacio» O. Puig
—«Koncilio por Reciproka Ekonomia Helpo» M. Lennartz
—«Mediprotektado trans limoj» B. de Wit

La esperantlingva raporto estas nun aĉetebla de la Libroservo de UEA kontraŭ 4,20 gld.

---

MONATO - Internacia Magazino Sendependa. 1/80. Eldonejo TK/Stafeto, Heideweg 20, B-2120 Schoten, Belgio. Abontarifo 1 jaro (11 numero) 2.000 p-toj. Formato 29,5x21 cms. Paĝoj 40.
PERANTO. José Climent, strato Pujadas 460, Barcelono-19.

---

Kun granda plezuro estas tralegita la unuaj ekzempleroj de «MONATO». Ĝia abunda materialo pri aktualaj temoj, klaraj tipoj de presliteroj, altnivela prezento kaj interesaj verkoj maturiĝas nia lingvo en ĵurnalistaj medioj.

Antaŭ kelkaj jaroj, juna generacio, revis pri kultura revuo en Esperanto kaj eldonis la revuon «Kontakto»; nun «Kontakto» estas unu el la plej gravaj revuoj de nia E-movado, sed mankas en nia reto da periodaĵoj, revuo, kiu entenu artikolojn pri aktualaj temoj de nia socio pri: scienco, eduko, arto, religio, politiko kaj kulturo, sed vulgarigitaj kun la celo, ke la legantoj enpenetros en la ampleksa civilizacio de la nuna jarcento. Ekde nun ĉi revuo estas «MONATO».

Kiel indikas s-ro Stefan Maul en la antaŭparolo, la eldono de «MONATO» estas aŭdaca paŝo, kaj ni aldonas, titana ŝarĝo por nia esperantistaro, tamen se «SEMAJNO» estis nerealigebla periodaĵo, pro teknikaj kaj financaj problemoj, certe la nuna paŝo, ricevos la helpon kaj intereson de ĉiuj ni.
Prosperon kaj sukceson por nia nova ido.

S.A.

# Sekso kaj egaleco (Sendependa novaĵletero)

Kun la supra titolo aperis nº 0 de tre interesa kaj bone redaktita bulteno pri seksa egalrajteco kaj virina agado, kiun novaĵleteron (= vortformo ofte uzata en ĝi por bulteno) oni celas aperigi kvarfoje en la jaro. Provnumero, kiu kostas 2 internaciajn respondkuponojn aŭ 1,50 guldenojn, estas ricevebla de Anna Brennan - p/a Nieuwe Binnenweg 197 B - 3021 GA ROTTERDAM (Nederlando).

La enhavo de Sekso kaj Egaleco konsistas parte el artikoloj kaj parte el leteroj laŭteme grupitaj. En la enkonduko oni emfazas la fakton, ke Sekso kaj Egaleco estas eldonata por ĉiuj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri la temo kaj ankaŭ kiel forumo por tiuj, kiuj deziras interŝanĝi ideojn kaj spertojn pri seksa egaleco. Precipe ĝi celas provizi bazan materialon por diskutoj en Esperanto-Kluboj.

En tiu provnumero, kiun mi legis kun kreskanta sciemo, mi trovis kontribuaĵojn aparte objektivajn, ekzemple tiun de samideanino Emilija Lapenna, kiu esprimas sian opinion, ke la plej malbona vojo montri sin egala al la viroj estas imiti iliajn mankojn: fumegi, blasfemi, diboĉi, amori senbride. Ŝi aldonas, ke plej loge estas pruvi sukceson en iu agadkampo, kie la viroj malsukcesis. Ankaŭ atentinda estas la pledo por la komunseksa pronomo risugeste de s-nino Ole Hagemann.

Konklude, periodaĵo aboninda, kiu celas ambaŭseksajn interesiĝantojn pri aktuala temo.

V. H. Ll.

# «Ne tiel sed ĉi tiel»

Simplaj sugestoj por agrabla kontakto kun blinduloj. Ĝin tradukis en Esperanton, el la nederlanda, s-ano J. Koning. Ĉi tiun 32-paĝan libreton distingis en 1974 la Nederlanda Blindul-Ligo. La aŭtoro, Herman Van Dyck, mem blinda, estas i.a. Prezidanto kaj Fondinto de la belga Nacia Ligo de Militblinduloj.

Tradukoj de tiu libreto aperis en la angla, franca, germana, hispana, itala, rumana, ukrajna kaj Esperanto. Ĉi lastan faris s-ro J. Koning ankaŭ brajlen por soveta korespondanto, kiu siavice ukrajnigis ĝin.

La broŝuro, kiun ilustras trafaj bildoj, celas doni praktikajn konsilojn por eventuala helpo al la geblinduloj. Kiel diras la autoro, ĝi estas eta gvidilo por helpi vin helpi aliajn en maniero plezura, glata kaj precipe homa.

Do, mesaĝo, kiun ĉiu devus posedi.

V.H.Ll.

# SCIU KE

KONCIZE, dumonata gazeto por la junularo, komuna bulteno de TEJO kaj de ĝiaj landaj sekcioj: belga-brita-franca-germana-itala-nederlanda ŝanĝis ĉefredaktoron. Ekde nun redaktas la bultenon KONCIZE s-ro Ian Jackson, 6A Eastcombe Rd, Wenston-sper-Mare, Avon, Britujo BS232TQ.

Laŭ la tabelo de la lasta revuo ESPERANTO, en nia lando jam aliĝis al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO 148 samideanoj.

Dum la nuna jaro, vi povas ferii en pli da 150 Esperantistaj kongresoj kaj internaciaj renkontiĝoj. Tralegu atente Heroldon n-ro 4-5.

KOLEKTADO, estas informilo kiu celas publikigi BIBLIOGRAFION de la eldonaĵojn en Esperanto. Kontaktigu kun s-ro R. Molera, Forn 21, MOYA (Barcelono) Hispanujo.

Sub la aŭspicio de LITERATURA FOIRO okazis brila ESPERANTO-FESTO en La Chaux-de-Fonds, ĉe Gastejo «Edmond Privat», domo Naville dum la tagoj 31-a de majo kaj 1-a de junio.

Laŭ la lasta informilo de I.L.E.I. pli da 76 Naciaj Kolegioj kaj 9 eksterlernejaj lokoj disdonis Esperanto-kursojn. Sendu informojn pri la temo, kun nomo de la kolegio, nomo de la profesoro kaj nombro da gelernantoj rekte al I.L.E.I. s-ro F. Zaragoza Ruiz, Callosa de Segura-Alicante.

# DEZIRAS KORESPONDI

Bulgara 21 jaraĝa studento, pri Literaturo, Muziko kaj sporto.
Intersanĝas poŝtmarkojn, insignojn kaj bildkartojn:
Nikolaj Iliev, Ul. Bojka 42.—7.101 BJALA distr Ruse (BULGARIO)

Hungara laboristo, 24 jaraĝa, pri ĉiu temo deziras korespondi kun junaj hispanaj esperantistoj. S-ro Laslo Keller, H-5.100 JASZBERENY, Str. Külsopelyhespart Nº 44 (HUNGARUJO)

Pri diversaj temoj, deziras korespondi: 16 jaraĝa junulo
S-ro Dirk Essling, D.D.R.-209, TEMPLIN, Am Birkenhin, 7 Fach-Nr. 1007
Li kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn.

LETERVESPERO. Realigota Decembro 1980. Sendu esperantaĵojn, leterojn, p.k., esperantajn librojn, prospektojn, broŝurojn, revuojn, k.t.p. 10 libro-premioj por la plej bonaj sendaĵoj. ESPERANTO LERNEJO - Casilla de Correo 278-2000 ROSARIO - Argentino. Respondo garantiata.



**pasporta servo** de tejo

# PASPORTA SERVO - REKORDE AMPLEKSA

La aperinta listo de gastigantoj estas ĉiujare rekorde ampleksa. Ĝi donas la eblecon al junuloj kaj fakte al ĉiuj, malmultekoste sed inde turismi, per listigo de esperantistoj, kiuj pretas senpage gastigi vojaĝantajn esperantistojn (minimuma kontribuo povas esti petata por manĝoj). Malfermaj pordoj estas tiel troveblaj tra la tuta mondo.

Inter 1975 kaj 1980 la nombro de gastigantoj en la Pasporta Servo de T.E.J.O. (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) kreskis de 97 ĝis 360. La nombro de landoj kie troveblas gastigantoj, simile kreskis de 32 ĝis 48.

La nova listo, kiu unuafoje enhavas ankaŭ mapojn estas aĉetebla de J.M. Cash, 9, rue du Languedoc, F-78.690 Les Essarts-le Roi (Francio) kontraŭ 15 francaj frankoj aŭ internaciaj respondkuponoj (p.ĉ.k. 25 426-58 París).